# Informilo de Ĝemelaj Urboj



Reta bulteno de UEA pri la projekto Ĝemelaj Urboj
13-a jaro N-ro 4 (51) decembro 2014

## Enhavo



**Kovrilfoto: krom la verda standardo dek naciaj flagoj montras tiujn landojn, kies landaj asocioj havas respondeculojn pri ĝemelaj urboj.**

## Funkciuloj de La Projekto Ĝemelaj Urboj

S-ro Mark Fettes, prezidanto de UEA
S-ino Barbara Pietrzak, estraranino de UEA, ĉefa respondeculino pri la ĝemelurba agado en la subteamo Monda Evoluo
S-ro Stefano Keller, estrarano de UEA pri Monda Evoluo, Konsciigo: Komisiono pri Rilatoj kun Internaciaj Organizaĵoj (KRIO), Ĝemelaj Urboj
S-ro Osmo Buller, ĝenerala direktoro de UEA
S-ro Wu Guojiang

## Kunlaboremuloj de la projekto

Je la kontinenta agado pri Ĝemelaj Urboj s-ro Luigi Fraccaroli el Italio, s-ro Hassano Ntahonsigaye (ntahonsigayea@yahoo.fr) el Burundo kaj s-ro Hori Yasuo (Hori-zonto@water.sannet.ne.jp) el Japanio volonte kunlaboras kun la projekto.

## Respondeculoj de Landaj Asocioj Pri Ĝemelaj Urboj

**Ameriko**
Argentino: s-ro Jorge Enrique Cabrera, jeccenter@gmail.com
Kubo: s-ro Miguel Ángel González Alfonso, miguelangel@esperanto.co.cu
**Azio**
Mongolio: s-ro Chimedtseren Enkhee, retadreso: enchjo@yahoo.com
Pakistano: s-ro Jawaid Eahsan, retadreso: saluton123@yahoo.com
Vjetnamio: s-ro Nguyen Xuan Thu, retadreso: autuno32@gmail.com
**Eŭropo**
Finnlando: s-ro Robert Bogenschneider
Francio: s-ino Raymonde Coquisart, retadreso: raymonde.coquisart@yahoo.fr
Italio: s-ro Luigi Fraccaroli, retadreso: luigi.fraccaroli@esperanto.it
Nederlando: s-ro Pieter Engwirda, retadreso: pieter.engwirda@gmail.com
Svedio:s-ino Kaisa Hansen, retadreso:kaihan@bredband.net

## Redakcio de Informilo de Ĝemelaj Urboj


**Redaktoro**: s-ro Wu Guojiang
Adreso: Fushun Xinfu-Qu, Qianjin-Lu, 45-Hao, 113015 Fushun, Liaoning, Ĉinio.
Telefono kaj Fakso:+86-024-52650322;
Retadresoj: ghemelurboj@sina.cn amikeco999@21cn.com
**Provlego**: s-ro Robert Bogenschneider, retadreso: robog@gmx.de
**TTT-paĝo**: www.esperanto.fi/ghemelurboj/

NOVAĴO

## La Esperanto-urbo havas novan urbestron



La 1-an de novembro 2014 s-ro Lutz Peters, kiel nove elektita urbestro de Herzberg am Harz - la Esperanto-urbo, oficiale komencis sian funkcion. Tiutage la eksa urbestro Gerhard Walter venis al la urbdomo por adiaŭi la oficistojn kaj la laborejon. Indas mencii, ke s-ro Lutz Peters tre emfazas kaj la urban Esperanto-movadon kaj la ĝemelurban agadon. Li ĉeestis al la malfermo de la ekspozicio "Medalarto kaj Esperanto" prezentita de la GEA-Filio por Klerigado kaj Kulturo en junio kaj al kunsido de la estraro kaj la kuratoraro de la fondaĵo Esperanto-urbo okazinta en aŭtuno. Komence de septembro 2014 li kaj Gerhard Walter speciale vizitis la polan ĝemelurbon Góra kaj la urbestrinon Irena Krzyszkiewicz. Sur la foto, de maldekstre: Lutz Peters, Irena Krzyszkiewicz, Gerhard Walter.

El http://www.herzberg.de kaj http://esperanto-urbo.de

### Tri novaj landaj asocioj havas respondeculojn pri ĝemelaj urboj

La 3-an de septembro 2014 la estraro de Argentina Esperanto-Ligo（AEL）akceptis s-ron Jorge Enrique Cabrera kiel respondeculon pri ĝemela urbo. Nun li estas prezidanto de AEL.

La 5-an de decembro laŭ s-ino Maritza Gutiérrez González, eksa estraranino de UEA, Kuba Esperanto-Asocio (KEA) havas respondeculon pri ĝemela urbo. Li estas s-ro Miguel Angel González, detale legu pri li sube.

En la mezo de novembro 2014 Esperanto-Asocio de Finnlando okazigis sian estrarkunsidon. En ĝi s-ro Robert Bogenschneider, provleganto de Informilo de Ĝemelaj Urboj, spontanee proponis elektis lin kiel respondeculon pri ĝemela urbo. Ĉiuj estraranoj akceptis tiun proponon.

La Projekto Ĝemelaj Urboj gratulas la tri landajn asociojn. Ĝis nun entute 10 landaj asocioj en Ameriko, Azio kaj Eŭropo havas tiajn respondeculojn, estas kredeble ke tiaj respondeculoj ankaŭ aperos en LA-oj de Oceanio kaj Afriko kaj nelonge, ankaŭ estas kredeble ke plimultaj landaj asocioj aktive trovas tiajn respondeculojn konsiderante la kreskantan rolon de Esperanto en agado de ĝemelaj urboj.

## Saluton al la Esperanto-urbo

2015-1-18

Estimata urbodomo de Herzberg am Harz –la Esperanto-urbo,

Unue mi salutas s-ron Gerhard Walter kaj gratulas s-ron Lutz Peters.

Dum la ofico de s-ro Gerhard Walter estis faritaj por la agado de ĝemelaj urboj kaj la

Esperanto-movado du signifaj decidoj: en aprilo 2005 Herzberg kaj la pola ĝemelurbo Góra interkonsentis uzi Esperanton kiel neŭtralan pontolingvon, en 2006, ekde la 12-a de julio 2006 Herzberg uzas oficialan kromnomon "la Esperanto-urbo". La du decidoj kreas novan sperton kaj novan vojon por vigligi kaj intimi rilaton inter ĝemelaj urboj, kaj starigas novan modelon kaj novan koncepton por evoluigi kaj akceli la Esperanto-movadon en la mondo. Tion jam pruvas la postaj eventoj okazintaj en Herzberg, la Somera Arbara Lernejo kaj la 20-a jubileo de ĝemeliĝo por Herzberg kaj Góra, la 8-a Eŭropa Esperanto-Kongreso kaj la 86-a Germana Esperanto-Kongreso, la 46-a Konferenco de ILEI, la 64-a IFEF-kongreso kaj por Esperanto multaj aĵoj, kiel monumento de d-ro L.L. Zamenhof, la Espero-ponto, la Esperanto-benko, Esperanto-ŝildo, Esperanto-vojmontrilo kaj tiel plu. En la lastaj jaroj oni ĝoje aŭskultis salutvortojn de la ubestro de la Esperanto-urbo en UK. Tiuj vortoj estas kuraĝigaj por la kongresanoj, ĉar la urbestro parolas en Esperanto, la urbestro subtenas Esperanton, la urbestro partoprenas en la Esperanto-movado!

Antaŭ ol eniri en la oficon la nova urbestro Lutz Peters per kelkfoja partopreno en la lokaj Esperanto-aktivadoj esprimas sian grandan atenton kaj subtenon al Esperanto, kaj per vizito al la ĝemelurbo Góra emfazas la rolon de Esperanto en la agado de ĝemelaj urboj kaj la rolon de la agado de ĝemelaj urboj en evoluo kaj progreso de la urbo. El tio mi vidos ke la Esperanto-movado stabile kaj rapide fortiĝos en la Esperanto-urbo, probable tie okazos gravaj eventoj, ekz. Universala Esperanto-Kongreso; el tio mi vidos ke la agado de ĝemelaj urboj vigle kaj multe progresas en Herzberg per Esperanto, probable tie okazos okulfrapaj aferoj, ekz. Herzberg ĝemeliĝos kun kelkaj urboj per Esperanto. Mi havas tian kredon tial ke la nuna urbestro konsideras la Esperanto-aferojn ankaŭ, li subtenas Esperanton ankaŭ tiel, li partoprenas en la Esperanto-movado ankaŭ tiel! La estonteco de Herzberg am Harz, la Esperanto-urbo, estos plibela!

Mi kore salutas la gloran urbon kaj ĝiajn ĝemelurbojn, la civitanojn de la urbo, s-ron Gerhard Walter kaj s-ron Lutz Peters, kaj Esperantistojn en la urbo.

Wu Guojiang

## Biografieto de LA-respondeculoj pri ĝemelaj urboj




Miguel Angel González Alfonso naskiĝis en 1967 en Havano, Kubo, fariĝis tre aktiva esperantisto en 1988, kaj fariĝis instruisto de Esperanto en 1990. Li estas ILEI-Sekciestro de Kuba Esperanto-Asocio, prezidanto de la Esperanta Klubo "La Najbaroj", partopreninto kaj tre aktiva kunlaborinto de la 75-a kaj 95-a UK en Havano, Kubo, dum 1990 kaj 2010. Laŭ la planoj de Kuba Esperanto-Asocio rilate al ĝemeliĝo inter urboj kaj Kuba Esperanto-Asocio unue li kaj la asocio planas ĝemeligi tri urbojn el Kubo, t.e. Santiago, Bayamo kaj Havano, por poste ĝemeliĝi kun aliaj urboj de la mondo pere de la internacia lingvo Esperanto.



Robert Bogenschneider (nask. 1966) estas germano vivanta en Finnlando ekde 2007. Li esperantiĝis en 2000, dum du jaroj funkciigis la retejon www.aliaflanko.de, i.a. pri urbaj informiloj. Kiel kontrolleganto de la Informiloj pri Ĝemelaj Urboj li ŝatus kolekti kaj disponigi rilatajn datumojn por plia prilaborado ekz. en Vikipedioj.

PAĜOJ POR MONTEVIDEO 60

## La kongresurboj, aktivu por Montevideo 60 kaj la 100-a UK

La plej bona formo por festi Montevideon 60 kaj la 100-an UK estas ekagadi, sed ne pripensi liniojn de belaj vortoj kaj tiel nomatan kompletan planon. Kiel oni bone scias Universala Kongreso de Esperanto okazis en 57 urboj de 34 landoj, eĉ neunuafoje okazis en la sama urbo, i.a. nemalmultaj el ili estas gravaj urboj, kaj havas ĝemelajn rilatojn inter si, tiuj urboj estas granda grupo kaj forto se ili unuiĝus, por la du eventoj mi proponas kaj alvokas:

- UEA faru specialan inviton al urbestroj de ĉiuj UK-urboj por la 100-a UK;
- la Esperanto-organizaĵoj de ĉiuj UK-urboj informu proprajn urbestrojn pri la du eventoj;
- la urbestroj de ĉiuj UK-urboj informu urbestrojn de propraj ĝemelaj urboj pri la du eventoj;
- la esperantistoj de ĉiuj UK-urboj aperigu en la lokaj gazetaroj artikolon pri historio de UK okazinta en propraj urboj.

Unuiĝu, la kongresurboj! Aktivu, la kongresurboj!

Wu Guojiang

## La unua renkontiĝo tra Esperanto



La urugvaja ĉefurbo Montevideo estas memorinda loko por Esperantujo, ĉar antaŭ 60 jaroj estis tie akceptita la unua rezolucio de UNESCO pri Esperanto (legu sube). De la 19-a ĝis la 25-a de julio de 2014 la 47-a konferenco de ILEI (Internacia Ligo de Esperantistaj instruistoj) kun 90 personoj el 26 landoj, inkluzive de esperantistoj, gastoj kaj lokaj helpantoj. S-ino Mirejo Grosjean, prezidantino de ILEI, prezidis la konferencon, s-ro Stefan MacGil, vic-prezidanto salutas la konferencon en nomo de la Asocio. Ne mankas gratulleteroj, interalie. Saluto el Herzberg - la Esperanto-urbo, legu sube.

La urbestrino de Montevideo, s-ino Ana Olivera, ĉeestis al la malferma ceremonio kaj deziris al la konferecanoj sukcesan kunvenadon kaj kore bonvenigis la konferencanojn al

Montevideo, ĉefurbo kun 1,4 milionoj da loĝantoj. Ŝi montris klaran simpation por nia lingvo, klarigante, ke ŝi ekkonis ĝin jam en junaĝo, ĉar tre influa lernejestrino de ŝia liceo deklaris: "Estus bone, se estus komuna lingvo, uzebla por ĉiuj personoj".

Interese s-ino Lidia Brito, direktorino de la Regiona Oficejo de Unesko en Montevideo (kiu zorgas pri scienco tra la tuta Sud-Ameriko kaj Karibio, kaj prizorgas ĉion de Unesko en Urugvajo, Paragvajo kaj Argentino), unuafoje renkontis kaj kore salutis la urbestrinon per tiu ĉi ŝanco de la Esperanta okazaĵo. Sur la tema foto el la revuo Esperanto, de maldekstre: la urbestrino, la direktorino de la Unesko-oficejo kaj Francois Lo Jacomo, la UEA-aganto ĉe Unesko tra dudeko da jaroj.

El Stefan MacGill (UEA) kaj Mirejo Grosjean (ILEI)

## Rezolucio de la montevidea konferenco de Unesko (1954)

IV.1.4.422 la Ĝenerala Konferenco, diskutinte la Raporton de la Ĝenerala Direktoro pri la Internacia Peticio favora al Esperanto;

IV.1.4.4221 Notas la rezultojn atingitajn per Esperanto sur la kampo de internaciaj intelektaj interŝanĝoj kaj por la proksimigo de la popoloj de la mondo.

IV.1.4.4222 Rekonas, ke tiuj rezultoj respondas al la celoj kaj idealoj de Unesko;

IV.1.4.4223 Notas, ke pluraj Ŝtatoj-Membroj informis pri sia preteco enkonduki aŭ ampleksigi la instruadon de Esperanto en siaj lernejoj aŭ superaj edukaj institucioj, kaj petas tiujn Ŝtatoj-Membroj informadi la Ĝeneralan Direktoron pri la rezultoj atingitaj sur tiu kampo;

IV.1.4.4224 Komisias la Ĝeneralan Direktoron sekvi la kurantan evoluon en la uzado de Esperanto en scienco, edukado kaj kulturo, kaj tiucele kunlabori kun Universalaj Esperanto-Asocio en aferoj koncernantaj ambaŭ organizaĵojn.

El la jarlibro de UEA 2014

## Saluto el Herzberg - la Esperanto-urbo

Karaj Gekolegoj, karaj Gastoj,

Jaroj rapide pasas... Ĉi-jare ni festas la 60-jariĝon de la unua rezolucio de Unesko pri Esperanto. Do ne estas hazarde, ke ILEI elektis por sia ĉiujara konferenco ĝuste tiun landon, tiun urbon, kie tio okazis en 1954 por digne festi tiun jubileon dum la 47-a konferenco en 2014.

Jaroj rapide pasas... En 2013 la ILEI-konferenco okazis en Herzberg am Harz - la Esperanto-urbo kaj ni festis la 20-jaran datrevenon de partnereco inter Herzberg kaj Góra, la ĝemelurbo en Pollando. Estis eta sed grava festo, ĉar Esperanto ludas gravan rolon en la amikaj rilatoj de tiuj du urboj kaj estas helpilo por regulaj interagoj inter civitanoj, ĉefe inter gejunuloj kaj instruistoj.

Jaroj rapide pasas... La Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj zorgas ne nur pri la ĉiujaraj konferencoj, sed pri konstanta servaro al la gekolegoj, en kiu enestas ekz. klerigado, instrukapabligo - gravaj elementoj por faka trejnado, por la estonto, ke post paso de jaroj

novaj gekolegoj transprenu la stafeton de ni.

Okaze de ĵus komenciĝanta dusemajna intensa kursaro, pedagogia-metodika seminario en Interkultura Centro Herzberg (ICH) kaj ankaŭ nome de la urba administrado de Herzberg am Harz - la Esperanto-urbo, ni elkore salutas la aŭspiciantojn, la lokajn organizantojn kaj ĉiujn partoprenantojn de la 47-a Konferenco de ILEI kaj deziras rezultodonan laboron, sukcesajn kunsidojn, agrablan kunestadon, kunfestadon...

Zsofia Korody
prezidanto de AGEI, ĉefkunlaboranto de ICH kaj vicprezidanto de ILEI

## UEA emfazis la ĝemelurban agadon por "la jaro Montevideo 60"

Lige al la strategio UEA elmontris kelkajn eblajn agadojn por "la jaro Montevideo 60", je konsciigo la asocio menciis, ke disvolvi ĝemelurban agadon kunlige kun la Jaro estas flanko konsiderinda en lokoj.

El n-ro 10 Esperanto, 2014

URBESTRO KAJ ESPERANTO

## La vic-urbestrino ĉeestis al la inaŭguro de Skvaro Esperanto

La 20-an de septembro, 2014, okaze de sia tridekjariĝo, la loka klubo de Hérouville-Saint-Clair, apud Caen inaŭguris skvaron "Esperanto" kun la ĉeesto de la vic-urbestrino kaj Renée Triolle, delegito de UEA ĉe Unesko. Koncertis Mikaelo Bronŝtejn kaj Vera Vlasova kiel loĝantoj de Tiĥvin (Rusio), ĝemela urbo de Hérouville-Saint-Clair. La klubo kaptis la okazon por ankaŭ organizi la ĝeneralan asembleon de la normandaj esperantistoj. Ana Songŝanta (Shin Eun-Sook) faris elstaran prelegon pri instruo de esperanto en alternativa lernejo en Korea Respubliko.

Sur la maldekstra foto, de maldekstre: Seo Tomie (Japanio), Ana Songŝanta (Korea Respubliko), Mikaelo Bronŝtejn kaj Vera Vlasova (Rusio), Renée Triolle (delegito de UEA/Unesko), Sylvian Lepoitevin (vicurbestrino de HSC), Yves Nicolas (fondinto de la





klubo), nepo de Freddy Tailpied (forpasinta klubano) kaj Gérard Sénécal (prezidanto de la klubo).

Yves NICOLAS

## La urbestro parolis Esperante en la landa kongreso




Inter la 11-a kaj 13-a de oktobro 2014 la 101-a Japana Esperanto-Kongreso okazis en la urbo Obama, kun la temo: Ni akordu trans la Maro - manĝo, naturo, amikiĝo. La urbestro Matuzaki Kôzi partoprenis la 12-an tagan inaŭguron. Lia longa parolado mirigis la kongresanojn, ĉar li uzis la lingvon Esperanto!

El http://www.espero.com.cn

## URBA STILO KAJ TRAJTO

Karaj legantoj,

Nia Informilo de Ĝemelaj Urboj tre bonvenigas informojn pri agadoj de ĝemelaj urboj, kaj ankaŭ esperas, ke esperantistoj prezentas informojn el Informilo de Ĝemelaj Urboj al lokaj gazetaroj. Tio povas vidigi kaj sentigi homojn en ĝemelaj urboj la rolon de Esperanto. Sube vi legos tradukaĵon pri la vojaĝgrupo de la germana Kronach al la hungara urbo Kiskunhalas por la 20-a jubileo de la interurba ĝemeliĝo.

La redaktoro

## Eŭropo povas preni ekzemplon de Kronach kaj Kiskunhalas

Kadre de la vinrikolto oni festis en Kiskunhalas, la hungara ĝemelurbo de Kronach, ankaŭ la 20-an jubileon de la interurba partnereco.

Jam antaŭ la komenco de la solenaĵo la kronaĥa junularorkestro salutis permuzike la internaciajn gastojn antaŭ la kunvenejo. Dum ĉeestis delegitoj el Latvio, Rumanio kaj Serbio la urbestro de Kiskunhalas, István Gyovai malfermis la ceremonion; li rerigardis al la historio de la sukcesplena interurba partnereco. Gyovai diris, ke la amikeco estas unu el la plej noblaj homaj sentoj, kaj la amikeco inter la urboj Kronach kaj Kiskunhalas kreskis helpe de multaj civitanoj de jaro al jaro sur diversaj niveloj. Per reciproka sincereco kaj la etoso de konfido kaj de la ŝanĝiĝanta politika fono , li diris, ke la ŝajnaj obstakloj inter ambaŭ urboj iĝis preskaŭ sensignifaj.

La kvalifikaj paŝoj en la kampoj de la fak- kaj studprogramoj, interŝanĝo de gelernantoj kaj gejunuloj kaj multspecaj kulturaj agadoj daŭras intertempe jam dum generacioj. Gyovai deklaris: “Nia partnereco, pli bone dirite amikeco, estas bona ekzemplo por la civitanoj kaj komunumoj en tuta Eŭropo, eĉ por la tuta mondo.” Li admonis la ĉeestantojn uzi ĉiun forton por tiu ĉi grava afero.

La urbestro de Kronach, Wolfgang Beiergrößlein (FW, t.e. partio de la Liberaj Balotantoj) emfazis, ke dum la lastaj 20 jaroj ambaŭ flankoj tiris grandan avantaĝon el la partnereca ideo.

Li memorigis aparte la multajn interŝanĝojn surkampe de la lernejoj kaj de la kulturo.

Per la reciproka partopreno dum la gravaj festoj de la respektivaj urboj, li diris, ke la civitanoj povis travivi la viglecon de la partnera urbo kaj utiligi la eblecojn por renkonti sin kaj estimi unuj la aliajn. Krome praktikantoj laborantaj pokaze en la alia ĝemelurbo kontribuis treege al la kunlaboro de la komunumoj kaj profitis inverse por si mem el tio.

Sinjoro Beiergrößlein plue esprimis inviton al Kronach, kie dum la venonta jaro dum la Historia Urba Festivalo en junio oni festos la 20an ĝemeliĝjubileon kun Kiskunhalas kaj ankaŭ la 25an partneran jubileon kun Hennebont en Francio. ------- Gosbert Gehlert, Armin Grötzner, Siegbert Herrgesell kaj Brunhilde Lorenz en Kronach tradukis el “Fränkischer Tag” (Frankonia Tago) de la 19a de septembro 2014, p. 16

INTER ĜEMELAJ URBOJ

## La 9-a Somera Arbara Lernejo inter ĝemelaj urboj



La 9-an fojon okazis en 2014 la jam tradicia kunferiumado de ĝemelurbaj gejunuloj el Herzberg kaj Góra dank' al la financa subteno de ambaŭ urboj, subvencio de DPJW (Deutsch-Polnisches Jugendwerk) kaj KJR (Kreisjugendring Osterode). La tutsemajna Somera Arbara Lernejo (SALO 9) okazis en Herzberg/Sieber inter 3-10 aŭgusto kun po 7 lernejanoj kaj 2 instruistoj el ambaŭ urboj. En la programo estis ĉiutage 5 Esperanto-lecionoj, manlaborado, sporto, komunaj ludoj, kantado, ekskursoj al la regiono, ekz. Osterode, Göttingen, tuttaga vizito al la teknika muzeo Phaeno en Wolfsburg kaj urborigardado en Braunschweig. La junularan delegacion oficiale akceptis en la kastela Kavalira Salono reprezentanto de urbo Herzberg. La dulanda junularo partoprenis ankaŭ en la somera Festo en la Parko, kie ili komune plenumis kelkhoran varbagadon por Esperanto, vidu la foton.

http://esperanto-urbo.de

## Renkontiĝo de esperantistoj inter ĝemelaj urboj

Okaze de la 101-a Japana Esperanto-Kongreso s-ino Lin Lisha el Tianjin, Ĉinio, renkontiĝis kun esperantistoj el la japana ĝemelurbo Kobe. Ili interŝanĝis informojn pri la Esperanto-movado en la du urboj. S-ino Lin en nomo de Tianjin-a Esperanto-Asocio donacis al ili memoraĵojn. Post la kongreso esperantistoj el Kobe akompanis ŝin viziti kelkajn lokojn, ekz. Nara, Tokyo ktp.

El n-ro 4 (106) Bulteno de Tianjin-a Esperanto-Asocio, 2014